

BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

*108-a jaro*
*N-ro 354*
*Decembro 2015*

## Pasinta tempo

**Antaŭ 50 jaroj ...**
Revuo Brazila Esperantisto de 1965




Enkonduko de Esperanto en mezajn lernejojn de Rio de Janeiro

## Nuna tempo

**BEL informas**
Informoj pri Brazila Esperanto-Movado



## Venonta tempo




Interkona laborkunsido de la reprezentantoj de UEA kaj ITKo


ISSN 0006-9477

Brazila Movado

Vojaĝo al Japanio

Beletro

Kulturo kaj Scienco

esperanto.org.br

Brazila Esperantisto
Nacia kaj Internacia Kulturo
N-ro 354 • Decembro 2015 • 108-a Jaro

# Enhavo





Kovrilo: Evandro Avellar

Kiel reciproke sin amantaj gefratoj, kiuj nur de tempo al tempo povas kuniĝi en la domo de siaj gepatroj, tiel la esperantistoj sopire atendas tiun momenton, kiam ili povos renkontiĝi en la centro de Esperantujo, ame saluti sin reciproke, varme premi al si la manojn kaj diri al si: "ni vivas, ni honeste laboris en la daŭro de la jaro, ni gardis honeste la honoron de nia domo, ni povas kun pura konscienco partopreni en la komuna festo de nia familio."

Zamenhof - Kvina Kongreso 1909

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spac-limigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*, de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

# Enkonduko

Estimataj legantoj:

La nuna numero de nia revuo enhavas plurajn artikolojn. La novaĵo de tiu ĉi numero estas la ĉefredaktisto kaj la nova fasona ŝablono de la revuo. Ni prezentas informojn pri pasinta, nuna kaj venonta tempoj. Malfermas ĝin artikolo pri Interkona laborkunsido de la reprezentantoj de UEA kaj ITK, kiu aperis en retpaĝo de edukado.net. Esperanto eliris el Esperantujo.

Sekvas nova sesio de la revuo kun informoj, pri Brazila Esperanto-Movado, kiuj aperis en nia elektronika informilo BEL informas. Ni scias ke kelkaj samideanoj preferas la paperan revuon.

Paulo Nascentes rakontas al ni pri sia vojaĝo al Japanio, kaj Fabiano Henrique verkas pri "strangaj" produktoj kun esperantaj nomoj. Aperas informbulteno de Amikaro de Biblioteko Carlos Domingues de BEL. Ĉu vi scias, ke ĝia katalogo jam estas rete alirebla?

Ankoraŭ koncerne la sciencan kampon, ni prezentas artikolon ĉerpitan el Vikipedio. Ĉu vi scias ke Vikipedio havas tre bonajn artikolojn pri multaj temoj? Ni ankaŭ prezentas alian artikolon de Vikipedio pri nova filmo de Star Wars (Stelaj Militoj).

Krom tio vi povos legi poemojn klasikajn de Nikolao Horvoka kaj de Nazaré Laroca kaj Paulo Viana, estimataj brazilaj esperantistoj kiuj verkas en siaj blogoj.

Unu plian fojon ni devas aserti, ke la revuo Brazila Esperantisto bezonegas kontribuaĵojn de la Brazila Esperantistaro. Ni emfazas ke bonvenas artikoloj verkitaj de nia samideanaro por riĉigi nian revuon. Ĉiuj temoj estas bonvenaj, kondiĉe ke ili estu politike, rase kaj religie neŭtralaj, kaj ne estu iamaniere ofendaj. Bonvolu kontribui sentime kaj senlace!

Bonan legadon!

La Ĉefredaktisto



**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
108-a jaro, Dezembro 2015, N-ro 354

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Evandro Avellar

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Josias Barboza, Paulo Nascentes, Fabiano Henrique, Neia Lucia Souza, Paulo S. Viana kaj Nazaré Laroca

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Evandro Avellar
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: avellar@esperanto.org.br
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

# Interkona laborkunsido de la reprezentantoj de UEA kaj ITK

Fonto:Edukado.net - Dato: 2015-12-30

La 21an de decembro la reprezentantoj de UEA vizitis la Lingvoekzamenan Centron ITK en Budapeŝto.

Eluzante ke kaj la estonta Ĝenerala Direktoro de UEA, Veronika Poór, kaj du membroj de la ekzamenkomisiono de UEA troviĝis pro aliaj kialoj en Budapeŝto, estis organizita oficiala vizito ĉe ITK.

La celo de la renkontiĝo estis reciproka interkonatiĝo, kiu necesis, ĉar ambaŭ instancoj havas aŭ havos novan direktoron. La renkontiĝon ĉeestis flanke de ITK la ĵus ekoficinta nova direktorino de ITK Györgyi Antoni kaj la antaŭa vicdirektoro, ekde oktobro respondeculo pri minoritataj lingvoj kaj Esperanto László Szabó, flanke de UEA Veronika Poór la onta Ĝenerala Direktoro de UEA, Katalin Kováts, la gvidanto de la ekzamenkomisiono de UEA kaj Zsófia Kóródy, membro de la komisiono.

Krom la reciprokaj interkonatiĝo kaj sinprezentoj la ĉeestantoj traktis plurajn punktojn de la kunlaboro, el inter kiuj ni menciu la plej gravajn.

Estas decidite okazigi denove Tutmondan ekzamentagon, pri kies dato jam lanĉiĝis la enketado en Forumo de edukado.net.

La partoprenantoj ekdiskutis la eblan vastigon de la nivela gamo de la ekzamenoj. Ekis traktadoj pri la ellaborado de ekzamennivelo A2 por junuloj kaj leviĝis peto flanke de UEA, ke ITK ekzamenu la eblon ellabori kaj lanĉi ekzamenojn je C2-nivelo. ITK nun konstruas kaj testas novajn sistemojn por reta trejnado de siaj ekzamenantoj, kaj tiun sistemon la UEA-ekzamenantoj povos baldaŭ ekuzi. Katalin Kováts levis la demandon ankaŭ pri eblo de unuopaj ekzamenoj, pensante pri la kreskanta nombro de individuaj uzantoj de la lingvo, kiuj ne povos partopreni en organizitaj ekzamenoj, sed volonte trapasus rete individuan testadon.

La partoprenantoj interkonsentis pri la reta kaj senpaga diskonigo de la enhavo de la libro Esperanto de nivelo al nivelo, kiu kun nova specimenserio, testa kaj sona, estos libere elŝutebla ekde februaro 2016 en la retejo de edukado.net.

Rezulte de pluraj demandoj de la KER-ekzamenitoj UEA petis al ITK analizi la eblojn agnoskigi la KER-ekzamenojn pri Esperanto kaj atestilojn ĉe la instanco CLES (hispane CERCLES). Danke al tiu agnosko la atestiloj ricevus pli altan valoron kaj helpus en la internacia utiligo de la diplomoj en universitataj kaj labormedioj.

ITK, eksciinte, ke UK kaj la ILEI-konferenco okazos tiom proksime al Budapeŝto, proponis okazigi malferman tagon kadre de kiu ITK gastigus grupon de interesiĝantoj kaj prezentus la instituton, sian laboron kaj ekzamensituaciojn en sia laboratorio. Krome estus eblo spekti modelitajn parolajn ekzamenojn kies proceduron kaj taksadon oni povus pridiskuti post la prezentoj. UEA kaj ITK nun serĉas la plej bonan okazon por tiu renkontiĝo, ĉu dum la ekskursa tago de la kongreso, la 27an de julio, aŭ por la 30a de julio, postkongrese, kiam partoprenontoj de la ILEI-konferenco dumvoje inter Nitra kaj Nyíregyháza povus profiti el tiu vizito. (Ni esperas baldaŭ havi pli da detaloj pri la aranĝo.)

Interesa nova elemento de la kunlaboro de UEA kaj ITK povos esti estonte komunaj projektoj kaj kandidatiĝoj por eŭropuniaj subvencioj, en kiuj estos eblo kombini la fakajn kaj profesiajn fortojn de ITK kun la vasta kaj riĉa internacia reto de UEA.

La delegacio de UEA opiniis la renkontiĝon tre utila kaj esperas je plurkampa bona kunlaboro.

# BEL informas

## Realiĝa kampanjo: vi plue kun BEL/BEJO

Ĝojplene ni alvenas al nia nova realiĝ-kampanjo por 2016. Kaj ni ĝojas pro tio, ke ni estis kune en 2015 kaj ni certas, ke plu estos kune. Ĉi-jare ni havas du bonegajn novaĵojn: 1) ni sukcesis malaltigi al 60 realoj la prezon de la kotizo por unuafojaj membroj (tio signifas la kvaronon!) kaj 2) nun, se oni pagas per karto/pagseguro, oni rajtas por sumoj pli altaj ol 240 realoj dividi la pagon senintereze je 3 partoj aŭ kunintereze (sed tre malmultekoste) je 12 partoj. Por sumoj malpli altaj ol 240 realoj, eblas dividi ĝis 18 partoj, sed kun interezo.

Ni volas diri, ke via kontribuo al BEL/BEJO, fakte, vere ebligas nian institucian ekziston. Sen vi ja ne eblus al BEL kaj BEJO ekzisti. Averaĝe kotizoj de BEL kostas al individua membro 20 realojn monate kaj kotizoj de BEJO iom pli ol 2 realoj monate. Estas malmulte individue, tamen, kolektive, tio signifas ja multon por Esperanto.

Aliĝu interrete:
esperanto.com.br/adesao
aŭ per la jena printebla formularo:
esperanto.org.br/info/dok/adm/aligxilo_2016.pdf.

Kaj telefonu nin (61) 3226-1298 dum laborhoroj por pliaj informoj.

Gesamideanoj, koran dankon!

## Juna brazila forto de BEJO al TEJO

La junulino Juliana Evandro, el Cearao, fariĝis vicprezidantino de TEJO, alproksimigante eĉ pli BEJO-n al nia internacia movado. Juliana estas fiska konsilanto de BEJO kaj estis unu el la ĉeforganizantoj de la 70-a IJK, kiu okazis en Fortalezo pasintjare. Nun ŝi vojaĝas ekde oktobro en Eŭropo, kie ŝi pasigos tri monatojn por labori por Esperanto. Juliana partoprenis kaj partoprenos plurajn E-eventojn dum tiu periodo reprezentante TEJO-n kaj Brazilon; ŝi ankaŭ jam pasigis kelkajn semajnojn en la Centra Oficejo de UEA, kie ŝi povis koni la lokajn laborantojn kaj helpi plurrilate pri Esperanto kaj TEJO.

Januare 2016 ŝi revenos rekte al Manaŭso, por prelegi en niaj karaj kongresoj pri TEJO kaj sia vojaĝo. Ne mistrafu tion!

Ni plenkore gratulas kaj dankas tiujn gejunulojn pro ilia sindediĉo al Esperanto kaj al pli egaleca mondo.

## RENKONTO EN LA PARAIBA VALO EN BARRA MANSA

Dimanĉe, la 8-an de novembro 2015, dudeko da entuziasmuloj kunsidis en la urbo Barra Mansa, en la ŝtato Rio de Ĵanejro, por plia Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo. Asocio Esperantista de Rio de Janeiro (AERJ) apogis la eventon, organizis la programon, informadon kaj etan libroservon. Matene, post kelkminuta aŭskultado de gitarludo (kiam la personoj alvenis kaj kafumis), okazis du prelegoj: Alan Argolo prelegis pri la ĵus okazinta partopreno de Esperantobudo en la Internacia Librofoiro en Rio kaj Fernando Pita prelegis pri la financaj eblecoj en Esperantoaktivado. Posttagmeze, Sílvio Márcio prelegis pri Kooperativismo kiel Ekonomia Alternativo kaj Paulo S. Viana prezentis la tradician "Guton da Gramatiko". Post ĉiu prelego sekvis diskuto. Dum la renkonto oni informis pri aliaj Esperantoeventoj en tiu regiono. La venonta renkonto en la Paraiba Valo okazos en Lorena/SP, la unuan jarduonon 2016.



# BEL informas



## BEJO-ano parolas nome de TEJO en evento de UN

BEJO-ano Ana Ribeiro estis elektita de Unuiĝintaj Nacioj por reprezenti la junularon kadre de TEJO-KER agado en la tria Mondforumo pri Loka Ekonomika Evoluo (Third World Forum of Local Economical Development), kiu okazis de la 13-a ĝis la 16-a de oktobro en Torino, Italio.




Dum la forumo, Ana partoprenis diskutrondon pri junulara dungado, kie ŝi parolis pri la graveco de mobileco al junulara dungado, pri lingvaj baroj kaj fine pri Esperanto kaj TEJO.

## Juna premiita aktoro en nia kongreso en Amazonio

Vinicius Hpr aŭ Vinĉjo, premiita juna aktoro de la urbo Campos (RĴ), ĉeestos niajn 51-an BKE kaj 36-an BEJK, en kiu li prezentos sian unuaktoran teatraĵon "La Roka Kastelo", ofertos teatro-atelieron kaj okazigos artan momenton pri poezio kaj flutludado.



Vinĉjo jam prezentiĝis dum la ĵus okazinta sanpaŭla kongreso kaj prezentiĝos en la junulara E-evento BEJO-nukleo en Rio, Karejo. En San-Paŭlo li estis tri-foje aplaŭdita dum pli ol unu minuto. Vinĉjo nun invitas ĉiujn ĉeesti tiujn momentojn en Amazonio!

## Gratulon al EASP: Kongreso furoras en Paranapiakabo

Inter la tagoj 10-a kaj 12-a de oktobro okazis en la Fervoja Vilaĝo Paranapiakabo la 9-a Ŝtata Kongreso de San-Paŭlo. Tiu evento, dum kiu tradicie rekontiĝas esperantistoj el la tuta ŝtato, ricevis pli ol cento da partoprenantoj kiuj vizitis la belan muzeurbon. La prelegantoj venis el 15 urboj, 4 ŝtatoj kaj 2 landoj krom Brazilo, inter ili la samideanoj Tsukuru Harada (Japanio) kaj Alfredo Aragón (Kolombio/Brazilo). Estis tritaga evento kun prelegoj, debatoj, turismaj promenadoj, metiejoj kaj diversaj artaj prezentaĵoj. Paranapiakabo estas vilaĝo fondita de anglaj fervojaj laboristoj en la jaro 1867 pro influo de Irineu Evangelista de Sousa, la Vicgrafo de Mauá. Tiu urbeto de maltmulte pli ol 900 loĝantoj estas parto de la urbo Sankto Andreo en San-Paŭlo kaj nuntempe vivas el ekologia turismado, kun gvidataj vizitoj al siaj pluraj muzeoj kaj padoj, kiuj eniras la Montaron de la Maro. La kongreso estis organizita de la Esperanta Asocio de San-Paŭlo kaj la grupo Esperantistoj de ABC.



# BEL informas

## BEL kaj BEJO registritaj en UNASUDO

La Ĝenerala Sekretariejo de UNASUDO, kiel parto de la por-tempa prezidanteco de Urugvajo, strukturigas la Forumon pri Civitana Partopreno, kiel starigita en la konstitucia traktato de la bloko. Kadre de ĉiu el la dek du landoj de la UNASUDO oni devos organizi nacian sekcion de socia partopreno, farita el la integriĝo de organizoj kaj reprezentantoj de ties respektivaj civilaj socioj. Por strukturigi tiun spacon en Brazilo, la Ĝenerala Sekretariejo de la Prezidanteco de la Respubliko ricevis la formularon por registriĝo de interesitaj grupoj, kaj ni aligis BEL kaj BEJO-n kiel instrumentoj por defendo kaj profundiĝo de la sudamerika regiona integriĝo. En la venonta novembro okazos kunveno de la registaro kun la registritaj entoj, kiu havos kiel celon la strukturigon de la nacia sekcio kaj starigon de la brazila reprezentado ĉe la Forumo pri Civitana Partopreno en UNASUDO. Ni estos parto de tio!

## Gratulon al AERĴ: Esperanto furoras en la Bienalo de Rio

Iniciate de la prezidanto de AERĴ, Marcio Santos, ekde 2013 la asocio de Rio de Janeiro estis sin preparanta por agi en Libro-Bienalo de 2015 en Rio. La agado kostis investon da 20.000 realoj, valoro postulata por lui budon de 20 m² ĉe la evento, sed tio valoris ĉiun centonon. Danke al granda peno de AERĴ, ĝia prezidanto kaj kolegoj kaj partneroj kiel BEL, BEJO, KarEJO, EASP kaj CBLIE, tiu sumo estis akirita pere de donaco de grupo de esperantistoj, la plimulto donacinta la antaŭproponitan kvanton da 200 realoj, do sen malhelpo al la buĝetoj de AERĴ. La gvido de tiu misio iris al la ankaŭ direktoro de AERĴ, Maira Nobre, kiu kondukis multe de la procezo kaj agoj en la okazaĵo. Rezulte, Esperanto estis vizitata kaj diskutata en evento de pli ol 600 mil homoj. Ĉirkaŭ mil kontaktoj estis fakte akiritaj, okazigante la kreadon de tri klasoj de Esperanto, unu ekskluzive organizita de junuloj. Krom la video, fotojn oni povas rigardi ĉe facebook AERĴ:

https://www.facebook.com/aerj.esperanto.




## Esperanto en TEDxGoiânia

La 21-an de Oktobro 2015 okazas la evento TEDxGoiânia, prelegaro laŭ TED-modelo, kies ĉeftemo estas "La Estonteco Alvenis!", ĉar ĝi okazos en la sama dato kiam Marty McFly (rolulo el la 1980-jardeka filmo "Back to the Future 2", t.e "Revenen al la Estonteco 2") vizitas la estontecon. Unu el la prelegantoj estos Fabio Santos, esperantisto kaj EAGO-membro el Goiânia, kiu nuntempe loĝas en Alto Paraíso de Goiás, parolonte pri "La plej efika teknologio pri globa komunikado", tio estas, Esperanto. Eblos realtempe spekti la eventon pere de la rejeto: http://www.tedxgoiania.com.br. Poste la video estos disponigita.

# Revo realiĝas

Paulo P. Nascentes[1]

*Sen regalo ne estas balo. (L.L. Zamenhof. Proverboj.)*

Post pli ol dudek horoj aviadile, kaj danke al la malavaro de Oomoto Internacia, grava institucio apoganta Esperanton, realiĝis antikva revo de mia animo ĉeestanta miakore ek de frua infanaĝo: vizito al Japanujo, mirinda okazo samtempe konatiĝi kun la antikva japana civilizacio, ĝiaj tradiciaj artoj kaj kun ĝia vigla moderneco. De Braziljo, tra San-Paŭlo kaj Frankfurto, la 3-an de junio 2015, akceptis min kaj edzinon niaj gastigontoj, s-roj Maeda, Agou kaj Asada en la flughaveno de Osaka, kie ni kune kaj agrable japanstile vespermanĝis kaj amiketose babiladis. Unu horo aŭtomobile poste, ni finfine atingis la sidejon de Oomoto en Kameoka. Tiurbe, en tre ampla, komforta kaj harmonia loĝejo, ni loĝis la plej parton de nia restado ĝis la 15-a de junio. La antaŭlastan tagon vespere, varma kaj ĉarma adiaŭo-festo okazis en la Departemento pri Eksteraj Rilatoj, kie ni frandis bongustaĵojn, bonetose interbabilis pri nia sperto kaj sane tostis al nia amikeco, kiu certe povos plifirmiĝi kaj frate kunligi japanojn kaj brazilanojn dum komplementa kunlaboro en la Sidejo de Oomoto Internacia en Braziljo. Evidente Esperanto grave rolis, ĉar bedaŭrinde mi ne scipovas la japanan kaj niaj gatigantoj ankaŭ ne scipovas la portugalan. Tamen vera interfratiĝo okazis. Kunlaboro povos daŭri danke al tiu frateca lingva komunikilo. La subtenon de Oomoto Internacia al partnera instruado de Esperanto kadre de Universitato de Braziljo (IL/UnB/UnB Idiomas) certe oni povos plani kaj starigi, simile al tiu jam okazanta pri la mandarena partnere kun la ĉina Instituto Konfuceo.

Dankemo resumas nian sintenon dum tiu mirinda kaj gracoplena vizitperiodo en la urboj Kameoka, Ajabe, Takeda kaj Kioto. Tiu danko miksiĝas al nia honoro kunvivadi kun tiom speciala oomotana familio. Nia danko al S-rino Deguĉi Kurenai, la kvina spirita gvidantino de Oomoto, simbole etendiĝas al ĉiu persono de ŝia simpatia teamo, al ĉiu kuiristo, funkciulo, direktoro, ĝardenisto – kies okuloj brilas egale. Aparte ni dankas al Maeda sensei, Agou-san kaj diversaj esperantaj oomotanoj, kiuj sindediĉe nin ĉiĉeronis dum nia restado en ĉiu urbo. Mirinda kaj impresiga estis nia kunvivado en Takeda ĉe loka tradicia familio. Vere impresis min la magiaj okazaĵoj spertitaj en tiu tradicia hejmo kaj historia domo, laŭ la tradicia japana vivstilo. Tamen tio estas nur unu ekzemplo de nia neforgesebla kontakto kun la arto ĝentile akcepti kaj gasti vizitantojn, certe tie praktikata laŭlonge de multaj generacioj. Tiu ĝentila afableco verŝajne estas kvazaŭ dua naturo de ĉiu japano. Neforgesebla estas ankaŭ la ridetoj akompanantaj la plej simplajn kaj ĉiutagajn gestojn. Al ĉiuj ni simple kaj ĝoje diras: *domo arigato gozaimaŝita.*

En la bela tiama ĉefurbo Kioto kaj en la agrabla ĉemontara urbo Takeda – la tielnomata Macchu Picchu de Japanujo – estis tempo turismi, viziti imponajn parkojn, la arkitekturan juvelon nome Ora Palaco, ruinojn de antikvaj kasteloj, admiri inspirigajn sanktejojn, konatiĝi kun la historia kaj tradicia imperia epoko, kiam la ĉefurbo estis Kioto. En Takeda eblis baniĝi en varmaj kaj kuracaj akvoj de tipa publika banejo, butikumi serĉe al delikataj donacoj por amikoj, ĉiam gvide de frata, sindonema ĉiĉeronado de esperantistoj. Neniel tio povas sin kompari al la kutima turismado pere de fakaj kompanioj, kie eblas spekti vidindaĵojn, tamen tra fenestroj de grandaj kaj luksaj busoj. Tute malsame estas vojaĝi aŭtomobile kaj subite halti meze al belega varma vespero por la kontemplado de plurdekoj de dancantaj bluaj lumoj de lampiroj. Tio estas kvazaŭ eniri en iun mondon mirakle ekzistantan, sed multfoje forgesitan meze al nia moderna kutimo kuri direkten al nenio. La neatendita natura spektaklo de tiom malgrandaj insektoj montras al ni la simplecon de bela nokto, la grandecon de kosma lumdanco, vera dia donaco por niaj okuloj

Rafinita kaj plena je ideoj kaj konceptoj pri paco kaj frata interpopola kunvivado estis la Konferenco omaĝe al la 90ª datreveno de UHA, Universala Homama Asocio – aŭ japane Jinrui Aizenkai – okazinta en la urbo Ajabe, kie laborkunvenis interalie japanoj, mongolanoj, nepalanoj, pakistanoj, baratanoj, koreianoj kaj la du menciitaj brazilanoj. Tiaj internaciaj aranĝoj, foje laŭtvoĉe, foje susure, nin montras la urĝecon de la adopto de neŭtrala interlingvo por vera kaj plena interkompreno, sen la neceso uzi multekostan kaj malefikan sinsekvan aŭ samtempan interpretadon. La tempoperdo estas tiam giganta, ĉar, ekzemple, elparolo kiu daŭrus nur kvardek minutojn postulos minimume okdek kvin minutojn. Ĉu iu plenkonscie povos nomi tiun sistemon vere efikan? Certe ne! Pravas la devizo unu Dio, unu mondo. Tamen ĝi estus tute malkompleta se mankus kontentiga komunikilo, nome unu interlingvo. Por la tuta homaro, Unesko, scienca kaj kultura branĉo de Unuiĝintaj Nacioj, jam proponis trilingvan sistemon por ĉiu homo. Tiel, en ideala mondo, ĉiu mondcivitano parolos hejme la gepatran lingvon; en nacia komunikado, la nacian lingvon kaj internaciskale neŭtralan kaj egalrajtigan interlingvon, nome Esperanto. Kiom efike, profite kaj fruktodone estus laborkunveni en mondfederacia organismo laŭ demokratia lingva paradigmo, anstataŭ per nacia lingvo de privilegiulo! "Vi povas diri,/ ke mi estas revulo,/ sed mi ne estas la nura" – jen aŭdiĝas niakore la juna kaj eterna voĉo de John Lennon en la mondfama kanzono "Imagine".

La plej alta eblo manifesti subtilajn animstatojn estas per poeziaĵo, arta maniero esprimiĝi pri malfacile direblaj spiritaj sentoj. Ĝi sintezas nian feliĉon konatiĝi plej intime kun la celoj de paco kaj homamo de UHA, kies 90-an jubilean datrevenon ni kune celebris per la okazigo de bela kaj riĉenhava internacia 3-taga konferenco kaj per rafinita festeno. Kiom simile la heredaĵo homarana/ montriĝas ankoraŭ urĝe bezonata! – tiuj versoj esprimas la kernon de mia modesta prelego dum tiu grandioza konferenco. Ĝia titolo estis "Unu Dio, unu mondo, unu interlingvo: la rolo de Esperanto kaj Homaranismo por la akiro de monda paco". Estis komentarioj pri la 12 ĉefaj proponoj de Zamenhof pri la paca religi-filozofio, nome Homaranismo. Montriĝis interesa paralelo inter ĝi kaj la kernaj pensoj de Onisaburo Deguĉi, kunfondinto de Oomoto. Tamen la aliro al la zamenhofa penso okazis ne nur laŭ filozofia, sed ankaŭ poezia lingvaĵo. Jen certe granda estas la kapablo de liaj inspiritaj kaj inspirigaj versoj nin kortuŝi, kio vere okazis dum la legado de la poemo *Preĝo sub la verda standardo*. En ĝi, post alvoko al "la potenca senkorpa mistero", kvazaŭ profeto, Zamenhof antaŭvidigas nin pri bela versio de 'mondo Miroku' – la ideala mondo. Alia ne povas esti la senco de la du lastaj strofoj de la poemo. Tiujn du lastajn strofojn mi citu, por nia pripenso, por nia kuna meditado: *"La verdan standardon tre alte ni tenos; Ĝi signas la bonon kaj belon. / La Forto mistera de l' mondo nin benos. / Kaj nian atingos ni celon. / Ni inter popoloj la murojn detruos, / Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos / Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero / Ekregos sur tero.* Tio memkompreneble aludas al "unu interlingvo". Kaj la lasta strofo, cenzurita en la jaro 1905, dum la historia kaj centjara Unua Universala Kongreso de Esperanto de 1905, okazinta en la franca urbeto Bulonjo-sur-maro, pritemas pri "unu Dio kaj unu mondo". Tiam la ĉeestantaro ne povis teni tiujn noblajn ideojn pri tutmonda paca kunvivado. Ĉu hodiaŭ ni estas pretaj vivi laŭ tiaj revoj? Jen: *"Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj, / Antaŭen kun pacaj armiloj! / Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj / Ni ĉiuj de Di' estas filoj. / Ni ĉiam memoru pri bon' de l' homaro, / Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro / Al frata la celo ni iru obstine / Antaŭen, senfine!"* Ĉu ni ne povos vidi gravan paralelon inter Mondfederismo kaj Homaranismo? Ĉu ne temas pri sama spirita vero laŭ malsamaj vortoj?

Plian altan brilon donis al *la rafinita bankedo / de tutkora amikeco* la diversaj interkulturaj artaj manifestacioj tie prezentitaj, kiaj dancoj, muzikoj, korusoj, poemoj. Dankema ni estas al

ĉiu nova amiko en la kvar vizititaj urboj. Danke al promeno tra la bela kaj inspiriga ĝardeno de la sidejo Ten'onkyo, Kameoka-shi, aperis la suba poemo, kiu atestas neforgeseblan magian momenton de spirita leviĝo, subtile interne perceptebla meze al floroj, medicinaj plantoj, belega templo, silento, kvieto, sunaj radioj kaj mistera harmonia etoso en la aero. Tia sperto ne precize tradukeblas vorte, pro sia plurdimensia eco, do tute neesprimebla laŭ la ĉiutaga lingvaĵo. Palan eblon alproksimiĝi al tiuj mensaj kaj koraj enhavoj nin donas Arto. Jen eble kial en oomotanaj sidejoj abundas kaligrafiaĵoj, pentraĵoj, belaĵoj diverspecaj. Arto kaj poezio fariĝas nepra rimedo de simpla animo, kiu subite sentas sin ĉirkaŭvolvita de la mistero mem de l' Unuo ĉion reganta.

## KAMEOKA DIDONACO

*Frumatenas poemo el luma mistero,*
*purisma rideto surlipas konstanta:*
*El ĝi, optimismo sur Tero,*
*el ĝi, unueco nin viviganta!*
*Dise, progresismo en aero,*
*el ĉielo teren – mia animo*
*signalas tion... ĉi poema apero.*

*Kameoka sanktejo veron inspiras:*
*rideto de interfrata amikiĝo.*
*Plurkoloras didonaco – ĉielo*
*sunsubiras...*

*Pureco akurate disponeblas,*
*zorgema ĝentileco en ĉiu detal'.*
*Surlipe sincera ĝojo refoje ridetas,*
*jen aŭtentike nia regal'.*
*Servas vi al gastoj elektitaj*
*la rafinitan bankedon*
*de tutkora amikeco:*
*nin gastigas arta ĝentileco.*
*Tio vidiĝas pace kaj normale*
*ĉe ĉiu kuiristo, funkciulo,*
*direktoro, ĝardenisto*
*– ĉies okuloj brilas egale.*

*Se ŝtrumpo mankas al ĉi naiva ulo fremda,*
*ĝi tuj aperas ĉemane en la templo:*
*interkultura honto mia subite solvita*
*fariĝas frata rideto dankema!*

*Solenaj salonoj, altnivelaj konferencoj!*
*Pensigaj proponoj de majstro*
*Onisaburo Deguĉi*
*brile detaliĝas dum etoso interfrata.*
*Kiom simile heredaĵo homarana*
*montriĝas ankoraŭ urĝe bezonata!*

*Profite respektoveka,*
*en Ajabe, multkultura kunveno.*
*En Kameoka dume,*
*post ĝardena promeno,*
*inspiro poezia venas matene,*
*jen graco plenplena!*
*Saŭdado, sopiro, inspiro, poemo.*
*Niaj koroj unuvorte*
*forte kantas pro dankemo!*

Reveninte hejmen, ne finis nia vizito al la lando de Naskiĝanta Suno, ĉar ĝiaj mirindaj vibroj kuŝas ankoraŭ funde niakore!




1 Profesoro pri Esperanto (UnB/LET/UnB Idiomas) kaj BEL-estrarano

# Jarfina vizito al superbazaro

Fabiano Henrique

Tute ne estas novaĵo, ke la jarfinaj festoj postulas de la homoj iom da klopodo. Speciale en Brazilo estas ĝenerala kutimo prepari, je la 31-a de Decembro, pli varian kaj enhavoriĉan vespermanĝon. Eraras tiu, kiu pensas, ke tie ĉi sufiĉas al la homoj vesti sin per blankaj vestaĵoj kaj atendi la renkontiĝon de horloĝmontriloj. Tiutage preskaŭ ĉiuj "pilgrimas" al superbazaroj kaj aliaj komercejoj por aĉeti varojn necesajn por tiu okazaĵo.

Koncerne mian familion tiu regulo unufojon pli efektiviĝis. Mi iris kun miaj edzino, filino kaj patrino en la mult(ege)homan superbazaron Guanabara, situanta en la urbocentro de Niterói. Inter miloj da stresiĝintaj klientoj kaj plenplenaj rulkorboj, mi trovis kelkajn varojn, kies nomoj eble havas ian rilaton kun la Internacia Lingvo.




### Evidentaj rilatoj kun Esperanto

La komerca nomo, kiu havas la plej evidentan ligitecon kun Esperanto estas tiu de la frukto-suko Kapo. Ĝi estas destinita al la infana publiko, kaj la figuroj desegnitaj en la etiketoj fakte estas grandaj "frukto-kapoj" gajmienaj. Produktas ĝin Coca-cola.

Alia facile trovebla varo estas la biskvito Bono. Farita de Nestlé, ĝi estas sufiĉe konata en Brazilo.

Fine, en tiu ĉi kategorio mi vidis alian sukon. Temas pri Tial, kiu konkurencas kun Kapo. Se tiu nomo vere devenas de la Internacia Lingvo, povas okazi ĉi-rilate afero unika en la mondo, nome komerca/industria konkurado inter du Esperantlingvaj popularaj produktoj. Zamenhof mem neniam povus imagi similan situacion...

### Eblaj rilatoj

Promenante tra la sekcioj de la superbazaro Guanabara, mi trovis aliajn varojn, kies nomoj povas havi ian rilaton kun Esperanto. La unua estas la viandhaketaĵan pasteĉon Anglo.

Mi ne scias, ĉu la nomo de tiu buĉeja kompanio vere rilatas al la kreaĵo de Zamenhof. Tamen tio ne sonus strange al ni.

### Strange...

Laste sed ne balaste, mi trovis veran strangaĵon. Temas pri la biskvito Amori, kies signifo en Esperanto estus ja erotika. Mi eĉ preferas, ke tiu varo ne apertenu al la listo tie ĉi prezentata... Estas preferinde pensi, ke ĝi devenas de la itala lingvo, pro ĝia plej milda signifo... En la praktiko, brazilaj entreprenistoj ja tre ŝatas doni itallingvajn nomojn al siaj markoj.

En Brazilo ekzistas aliaj komercaj nomoj fakte devenantaj el Esperanto. Tamen ili estas troveblaj en alispecaj vendejoj.

Mia jarfina "pilgrimado" finis momentojn antaŭ la fermo de la superbazaro, ĉirkaŭ la 18h.. Ni eĉ ne aĉetis multon, sed tiu "vizito" sufiĉis por irigi malproksimen mian paciencon. Kiel okazas ĉiujare, mi promesis aĉeti ingrediencojn por la jarfina vespermanĝo tagojn antaŭ la 31-a de Decembro...

Ĉiel ajn, mi deziras al vi feliĉan novan jaron!

# Gazetaraj Komunikoj de UEA

N-ro 600
2015-12-29



## UEA INVITAS VOLONTULOJN

Iĝu plentempa volontulo en la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo. Esti volontulo signifas ne nur grave kontribui al la Esperanto-movado, sed estas samtempe persona pliriĉiĝo. La volontuloj laboras en la koro de la Esperanto-movado – la Centra Oficejo de UEA kaj TEJO, povas kunlabori pri tre interesaj projektoj, partoprenadi aranĝojn kaj kunlabori en la tutmonda medio. La maksimuma daŭro de la volontulado dependas plej forte de la vizaj kondiĉoj, kiel minimumo estas preferinde, ke la volontuloj restu almenaŭ 2 monatojn. Kiel volontulo vi certe lernos memstare labori kaj povos profundigi viajn spertojn, interalie en la sube menciitaj taskoj.

La laboro povos konsisti ekzemple el:

- reprezentado kaj informado dum kongresoj, kunvenoj kaj seminarioj;
- subteno de la organizado de kongresoj, kunvenoj kaj seminarioj;
- ĵurnalistaj aktivaĵoj: uzo de sociaj retoj kaj aliaj iloj por plibonigi la informfluon;
- pri zorgi kontaktojn kun membroj, partneroj kaj la ĝenerala publiko;
- asisto en projektmastrumado;
- prizorgo de la arkivoj kaj biblioteko;
- kunlaboro kun la estraranoj kaj aliaj aktivuloj de UEA;
- individuaj projektoj komencitaj de la volontulo;
- tenado de kontakto kun la loka komunumo;
- kreado, prizorgado de retejoj;
- partopreno en la preparado de diversaj gazetaraj materialoj.

La ideala kandidato:

- havu bonan (almenaŭ C1-nivelan) scipovon de Esperanto (legan, skriban kaj parolan); scipovo de aliaj lingvoj estos pozitive konsiderata;
- estu sperta pri komputil-uzado (retpoŝto, interreto, tekstprilaborado, ktp);
- estu preta aktive kunlabori kun aliaj aktivuloj.

La volontuloj eklaboros plej frue en majo 2016 por prefere unu jaro, tamen eblas interkonsenti pli malfruan komencon (ĝis septembro), kaj ankaŭ pli mallongan volontuladon. Ili ricevos poŝmonon kaj manĝmonon.

Se vi volas kandidatiĝi, sendu retpoŝte jenajn dokumentojn (en Esperanto):

- vivresumon (priskribantan viajn studojn, kursojn, spertojn movadajn kaj ekstermovadajn, ktp);
- motiviĝan leteron (priskribantan kial vi volas volontuli, kiaj taskoj estas plej proksimaj al vi, plej entuziasmigas vin, kaj kiam vi povos komenci la volontuladon);
- informon pri la viza situacio de la kandidato por volontuli en Nederlando;
- laŭeble pruvilojn de la supre postulataj kapabloj;
- laŭeble rekomendletero(j)n, ekz. de landa Esperanto-organizaĵo.

La limdato por sendi vian kandidatiĝon estas la 10-a de januaro 2016, ĝis la 23:59 laŭ la horzono de la Centra Oficejo. Do, ne maltrafu la ŝancon!

Se vi havas aldonajn demandojn pri la programo, ne hezitu demandi!

# Sunsistemo

## Fonto: Vikipedio

La Sunsistemo inkluzivas la Sunon, la Teron, sep aliajn planedojn, iliajn naturajn satelitojn kaj milionojn da aliaj objektoj: kaj amason da planedoidoj, asteroidoj, kometoj kaj malpli grandaj objektoj ĝis kosma polvo kaj plasmo interplaneda.



## La estiĝo de la Sunsistemo

La nuntempe plej kutima teorio pri la estiĝo de la Sunsistemo baziĝas je la kanta nebularhipotezo, laŭ kiu la plej grandaj objektoj estiĝis ĉirkaŭ samtempe el rotacia nubego el gaso kaj polvo. La ideon pri pranubego formulis la germana filozofo Immanuel Kant en la jaro 1755 en sia verko *Ĝenerala naturhistorio kaj teorio pri la ĉielo*, sed nur en la lastaj jardekoj astronomoj pripensis ĝin denove.

Teamo de astronomoj uzante la Kosmoteleskopon Hubble spektis en la jaro 2000 planedon kiu klinas kun sia protoplaneda disko ambaŭ je 30°. La sama klino indikas ke la planedo formis el la disko. Ĝia stelo, Epsilon Eridani aĝas nur 800 milionoj da jaroj, signifante ke la ĉirkaŭa protoplaneda disko restas kaj povas esti observata. Ĝi foras el la Tero je nur 10.5 jarlumoj, facile videbla.

Astronomo Alice Quill observis per la Hubble teleskopo tri proksimajn stelojn, Microscopii, Beta Pictoris kaj Fomalhaut; kaj iliajn ĉirkaŭajn protoplanedajn diskojn.

Laŭ nuntempaj opinioj moviĝis antaŭ ĉirkaŭ 4.6 miliardoj da jaroj en la nuna loko de la Sunsistemo kaj de la ĉirkaŭaj steloj vastega materia nubego ĉirkaŭ la galaksia centro.

La nubego diametris probable iom da lumjaroj konsistis je 99 % el la gasoj hidrogeno kaj heliumo, kaj el malgranda parto de mikrometraj polveroj konsistantaj el pezaj elementoj kaj kombinaĵoj kiel akvo, karbonaj monooksido kaj dioksido, aliaj karbonaj kombinaĵoj, amoniakaj kaj siliciaj kombinaĵoj.

La hidrogeno kaj la pli granda parto de la heliumo estiĝis jam ĉe la praeksplodo. La pezaj elementoj kaj kombinaĵoj kreiĝis ene de steloj kaj liberiĝis ĉe ties eksplodoj kiel stelpolvo. Partoj de la materia nubego kuntiriĝis pro la propra gravito kaj plidensiĝis. Kaŭzo de tio estis eble eksplodo de relative proksima supernovao, kies premondoj trairis la nubegon. Tiaj densiĝoj kreis verŝajne plurajn centojn aŭ eble milojn da steloj en stelamaso, kiu verŝajne post kelkaj centoj da milionoj da jaroj disiĝis al liberaj unuopaj aŭ duopaj steloj.

## Estiĝo de la planedoj

En la restanta protoplaneda disko laŭ la ĝisnuna modelo la kuniĝo de polveroj estigis praplanederojn, la konstrueroj de planedoj. Tiuj kilometrojn grandaj strukturoj havis sufiĉe da maso por kuniĝi per sia gravito kun aliaj praplanederoj al pli grandaj objektoj.

La epoko de la estiĝo de montgrandaj praplanederoj, kaj tiel la komenco de la planedestiĝo estis trovitaj pro esploroj de iuj meteoritoj: ĝi okazis antaŭ 4,568 miliardoj da jaroj (kun malsekureco je 2 milionoj da jaroj).

# Star Wars

## Fonto: Vikipedio



Star Wars estas serio de sep sciencfantastaj filmoj, realigitaj de la reĝisoro George Lucas, pri politiko kaj militoj en alia galaksio. La filmoj estis popularegaj ekde la eldonaĵo de la unua filmo en 1977.

La filmoj estas:

Ep. 1: La Fantoma Minaco, de 1999
Ep. 2: Atako de la Klonoj, de 2002
Ep. 3: Venĝo de la Sitoj, de 2005
Ep. 4: Nova Espero, 1977
Ep. 5: La Imperio kontraŭatakas, 1980
Ep. 6: Reveno de la Ĵedajo, de 1983
Ep. 7: Vekiĝo de Forto, de 2015
Ep. 8: (', de 2017)
Ep. 9: (', de 2019)

## Deveno

Komence Stelaj Militoj estis senambicia filmo farita kun la espero rekuperi la investon, sed Lucas surpriziĝis pro tiom granda sukceso. Tri jaroj poste aperis La Imperio kontraŭatakas fine (ĉar Lucas ĝin konsideris la fina filmo) aperis la tria filmo de la serio, Reveno de la Ĵedajo.

Sed post tioma sukceso, kaj kun multaj romanoj kaj komiksoj publikigitaj pri la temo, en 1997, Lucas reeldonis la trilogion kaj komencis la filmadon de la kvara filmo (la unua kronologie), pensante fari novan trilogion kaj konsiderante Stelaj Militoj kiel la kvara filmo de la tuta seslogio.

En 2012 jaro estis eldonita la renovigita versio de la unua epizodo en 3D. Kompanio The Walt Disney Company, kiu aĉetis Lucasfilm je 30 de oktobro, proklamis, ke ĝi planas eldoni novan epizodon de Stelaj Militoj dum 2015 jaro.

George Lucas diris pri tio: "Venis la tempo por redoni Stelajn Militojn por nova generacio de filmistoj. Mi ĉiam kredis, ke Stelaj Militoj povos supervivi min, kaj mi decidis, ke estas tre grava redoni ĝin al aliaj homoj".

Krom tio, novaj posedantoj de Stejaj Militoj pretas verki tutan trilogion, kaj ankaŭ filmoserion pri la tempo inter la III kaj IV filmoj.

Ekde 2015 jaro novaj Stelaj Militoj eldonatos dum ĉiu somero.

La filmoj temas pri batalo inter du sistemoj (Respubliko kaj Imperio), du armeaj ordenoj (Ĵedaja kaj Sith), ekvilibro de la Bono kaj la Malbono.




*"Antaŭ multe da tempo, en tre, tre malproksima galaksio...." (kiel multaj rilataj filmoj) okazis batalo inter "Hela flanko de La Forto" de la kavaliroj Ĵedajaj kaj tiu "Malhela" de la Sith. Komence la filmoj rakontas kiel Respubliko militas kontraŭ alveno de Imperio, kiel Anakin Skywalker iĝas Ĵedajo, kaj kiel la jam korupta Respubliko malaperas pro alveno de opresiga Galaksia Imperio, kun Palpatine kiel imperiestro helpata de Darth Vader kiuj disigos la ordenon Ĵedajan.*

# AMIKARO DE LA BIBLIOTEKO
informbulteno de la Programo Amikaro de la Biblioteko



## NOVAĴLETERO

### ANTAŬPAROLO

Jen informoj pri la antaŭenigo de la laboro ĉe Biblioteko Carlos Domingues en 2014 kaj 2015.

Malgraŭ la ne apero de oftaj numeroj de nia Novaĵletero, vi certe akompanis la agadon ĉe la biblioteko pere de artikoloj aperintaj en la revuo Brazila Esperantisto kaj la bulteno BEL Informas.

### AGADO

La fokuso de la biblioteka agado en 2015 estis la katalogado de la kolekto. Du mil naŭdek tri (2.093) novaj rikordoj registriĝis en la datumbazo.

En decembro la rikordkvanto atingis kvin mil kvincent sesdek kvin (5.565 ) erojn.

Helpis atingi la bonan rezulton, la laborbrigado okazinta en aprilo, kune kun BEJO kaj la helpo de volontulo en majo, oktobro kaj decembro por intensiva, kvartaga sindediĉo al entajpigo de katalogitaj registroj en la datumbazo.

### MONRIMEDOJ

La novaĵo estas la transiro de la programa monrimedo de la ŝparkonto ĉe Néia Lúcia al konto de Brazila Esperanto-Ligo, januaro 2014 (R$34.173,72).

Kelkaj kunlaborantoj planis monatan ĝiron al la programo, kiu ankoraŭ eniras la eksan konton.

### ĈEFAJ TASKOJ PLENUMITAJ

1) Kontrolo de la libroj listigitaj en la inventaro kun tiuj jam registritaj en la datumbazo kaj sekve: a) apartigo de verkoj ankoraŭ ne registritaj en la datumbazo, por posta katalogado; b) registrigo de verkoj jam ekzistantaj, kiel dua aŭ tria ekzemplero, kaj c) apartigo de verkoj jam ekzistantaj en la datumbazo kun pli ol tri ekzempleroj, kiuj iros al la listo de brokantaĵoj.

2) Kontrolo de la brokantaĵoj de Libroservo de BEL kun la kolekto de la biblioteko kaj sekve: a) transpreno de la titoloj ankoraŭ ne ekzistantaj en la biblioteko; b) transpreno de titoloj el kiuj la biblioteko havis nur unu aŭ du ekzemplerojn kaj c) listigo de tiuj verkoj en la inventaro.

3) Kontrolo de listigitaj verkoj el la privata biblioteko de BEL-ano Jader Rodrigues da Silva (ĉ. 700 titoloj) kun la biblioteka kolekto, por trovi tiujn, kiujn ĝi ne havas. Tiujn li donacis al la biblioteko (234 titoloj).

4) Laborbrigado organizita kune kun BEJO, dum kvar tagoj (18-21 aprilo), ĉ 250 labor-horoj, kun 13 partoprenantoj diversurbaj, kies rezultoj estis: a) formularoj plenigitaj (kata- logado) – 505 b) formularoj reviziitaj - 79 c) rikordoj registritaj en la datumbazo (el la formularoj) - 93

### KOLEKTO

a) Libroj

La tuta kolekto enhavas 3.560 malsamajn titolojn. Ni komencis akiri titolojn ankoraŭ ne ekzistantajn en la kolekto (akiro povas esti per aĉeto, donaco kaj interŝanĝo).

- Aĉeto pere de la programo Amikaro de la Biblioteko, de BEL-Libroservo: pluraj novaj titoloj (R$3.834,23).
- Donaco/apogo de fondaĵo Bachrich (pere de UEA), 10 titoloj – (180,30 eŭroj - plus afranko).
- Donaco de BEL-ano Jader Rodrigues da Silva, el lia privata biblioteko, de ĉiuj verkoj havintaj de li, ne ekzistintaj en BCD: 234 titoloj (plus 9 duoblaj = 243).(Estas kroma donaco lia, kiu ankoraŭ ne estis prizorgita /enkalkulita ).
- Donaco de la privata biblioteko de D-ro Álvaro Rabelo (BEL-ano forpasinta ĉi-jare), fare de lia edzino Arlete Rabelo: 374 libroj, kelkaj duoblaj titoloj.
- Donaco el privata biblioteko de BEL-anino Néia Lúcia Souza: 19 titoloj /8 novaj titoloj.
- Donaco/trans-sendo de brokantaĵoj de la libroservo de BEL al la biblioteko: ĉ.250 titoloj.
- Donacoj de unuopaj libroj kaj revuoj de aliaj esperantistoj.

b) Periodaĵoj

- Donaco de BEL-estrarano Evandro Avellar: kelkaj titoloj, pluraj numeroj kaj
- Donaco de BEL-anino Maria das Dores Goes: 13 binditaj volumoj de Revuo Esperanto.

# Poemoj de Nikolao HOVORKA

el la libro Dekdu Poetoj



## Knabina printempo

Printempe ekfloras la dolĉaj knabinoj
Simile al herboj, matenen klinitaj,
Al birdoj flugemaj, al nuboj forglitaj,
Al mil surĉielaj vesperaj karminoj.

Kaj ili forgesas ĉagrenon kaj penon,
Ilian animon brileto jam movas,
Elsonĝan fabelon la koro retrovas
Kaj kantas esperan printempkantilenon.

Rigardas kun ĝoj' el okuloj anĝelaj
Filinoj de Dio, filinoj de homoj,
Knabinoj, naskitaj, kreskintaj en domoj
Kelkiam plenlumaj, plej ofte malhelaj.

Sed kiam printempas, jen ili memoras
Nur sunon, feliĉon, herbejon, alaŭdon,
Kaj gloras la mondon, kaj scias nur laŭdon,
Kaj floras kaj floras kaj floras kaj floras. ,

## Patrujo

Tre grandan patrujon mi havas sur tero
Ĝi estas al mi kaj dolor' kaj espero.

Sep gentojn mi sentas ja en mia sango.
Al ĉiu mi ŝuldas sammulte da danko.

Jen: saksa, kroata; jen: ĉeĥa, bavara,
Jen ankaŭ viena, jen franca, itala.

Kaj kiu donacis la plej bonan guton,
Ne scias mi: sentas la sep kiel tuton.

Ĉi sango multgenta pasie rondiras
En mi kaj ĝi amas, inspiras, sopiras.

Ĉi sangon multgentan nur unu motoro
Pulsigas, vivigas en mi: mia koro.

Ĉi sango multgenta per sankta magio
Por unu nur batas, por unu patrio,

Plej kara patrujo sur nia terglobo:
Ho sankta, fiera, eterna Eŭropo!

## Sopiro

En florokalikojn la larmoj
El miaj okuloj gutis.
Mi ĉerpis la florojn kaj ilin
Sur vian kusenon ŝutis.

La nokto baldaŭ alpaŝos,
Vi dormos sur ĉasta kuseno,
Sed mian sopiron malkaŝos
La floroj el mia ĝardeno.

## La eterna refreno

Vivo, tremanta herbejpapilio,
Sorĉa, serena printempiluzio
En juna kor' --
Vivo: jam morgaŭ turmenta ekscio,
Plumba ekkono, akra ekkrio,
En nigra hor'!

Kien rifuĝi, kien sin savi?
Ĉu la malbenon per larmoj forlavi?
Ne helpas plor'!
Preĝas sanktuloj solecaj en ĉeloj,
Floras siringoj, muĝas ribeloj,
Restas angor' ...

Morto, nur vi fine ami min volos,
Min en lulilo silenta konsolos
Post viv-malsan'.
Morto, vi sava eterna refreno,
Finas la bruon de l' vivo per beno
De milda man'.

# Poemoj de Nazaré Laroca

Fonto: nazarelaroca.blogspot.com.br/

## Vojaĝo

Ĉiu homekzisto
periplas supren
revene
al la Patrodomo.

Pilgrimantaj animoj
en ŝipo pereema,
ni ĉiuj odiseas
alfrontante tempestojn
por trovi Dion.

Ni trompis
Polifemon;
ni subiris
al Hadeso
de niaj
pasioj ...

Tamen,
sentime,
ni antaŭeniras
ĉar la vivo
estas
hejmreveno.

## Januaro, 2016

La ĵusnaskita Novjaro
jen apenaŭ finbalbutas
siajn bondezirojn gajajn...
Teroro la mondon skuas
per nekredebla kruelo.

Ŝajnas premsonĝo; mi veas!
Per TV la etinfano
pacon minacas danĝere...

Kien iras la homaro?
(Pardonon pro la ŝablono!)
Poemo ne plu eltenas
sangajn vortojn el kompato:
poezi' ja min forlasis.

## Feliĉan Homon Novan!

Neniel valoras
la naskiĝo
de la Nova Jaro
el kaskado
de artfajraĵo
se la malnova homo
ne ŝanĝiĝas.

Kiom da promesoj
kaj bondeziroj
ŝimas en la tunelo
de l' tempo?

Kronoso formanĝas
miajn horojn eblajn...
Mi deziras briziĝi:
ĉion freŝigi kaj pasi.

Hodiaŭ
mi ekserĉas
la mildecon
unikan
de Kristo.

## Klarionado

Kial nur Kristnaske
krias la deziro
eklumigi bruste
stelon el amo?

# Poemoj de Paulo Sérgio Viana

Fonto: blogdopaulosergioviana.blogspot.com.br

## Nova Jaro Malnova Jaro

Foriras jaro malnova
kaj enpuŝas  novan jaron.
Nova kokido elova
ne trovas la kokidaron.

La fiera jaro juna
tamen fieras senkaŭze,
ĉar kruela tempo puna
maljunigos ĝin senpaŭze.

Tia estas tempopaso:
senelflueja rivero,
ŝipo sur mar’ sen kompaso,
nur kalendara numero.

## SUFERO

Formiĝis en la fundo de la korto
rozkolora skulptaĵo,
ia mistero el delikataj stangetoj
kun flavaj gutoj surpinte.
Mi demandis la nubojn, la paserojn,
la sulketojn en la muroj, la malkvietajn papiliojn,
la roson, la ombron de la papajujo,
la sukon de la hedero, la salivon de hundoj falintan sur la cemento,
la krudan ŝelon sur la trunko de la maljuna avokadujo,
la formikojn, la muŝojn, la lanugon de raŭpo:
“Kiu faris tion?”
Neniu sin prezentis,
neniu konfesis aŭtorecon,
nenia helpo.
La luma bulaĵo,
neklarigebla,
nekomprenebla,
subtila plektaĵo de harformaj petaloj,
plu staradas en la fundo de la korto,
fierega.
Fajna, flora arto.
Arta, fajna floro.
Rigardi estas iom suferi.



## POSTMORTA KOKETECO

“Kiam mi mortos, tiam vi zorge prizorgu min! Mi volas ruĝajn lipojn, rozkoloran pudron kaj ŝminkon sur la okulharoj. Mi amegas ŝminkitajn okulharojn.”
“Ni faros tion.”
(Flanke:)
“Ba! Mi ne fidas. Kiam alvenos la horo, ili diros, ke tio ne necesas.”

## REKORDO

Ĉiam, kiam li povis, li sidiĝis en la verando por rigardi la sunsubiron.  Kaj li ĉiam emociiĝis.
Oni enmetis lin en la Guinness-libron, kiel la plej malĝojan homon.

## MEMDISCIPLINO

Li iris el la librovendejo kontenta pri sia volforto: li aĉetis eĉ ne unu libron. Kaj konsideru, ke la Kompleta Verkaro de Baldur Ragnarsson estis vendata kun rabatego!

Premie, li envenis la apudan vendejon kaj aĉetis elektran razilon.

# Antaŭ 50 jaroj ...

Ni decidis montri al niaj samideanoj iom da historio pri la Revuo Brazila Esperantisto, en tiu ĉi numero ni prezentos artikolon de la Revuo 610-612 de januaro - marto 1965.

Vidu la trezoron kiun vi povas trovi en nia biblioteko.

La revuo estis tiam portugale kaj esperante. Ni elektis la artikolon Kroniko de Rio, tiu Kroniko estis legita de la ŝtatestro S-ro Carlos Lacerda, ĉe la radio, en la unuaj minutoj de 1965. La Esperantan tradukon faris BEL-Direktoro, S-ro Antonio Caetano Coutinho.

BRAZILA ESPERANTISTO

59-A JARO — JANUARO-MARTO 1965 — N.º 610-612

ESTÁCIO DE SÁ

Portugala militisto, fondinto en 1565 de la urbo Rio de Janeiro, kiu fariĝis en 1960 la ŝtato Guanabara

RIO DE JANEIRO 1565 - 1965

CARLOS LACERDA

Unua elektita ŝtatestro de Guanabara kaj ŝtatestro en la Jaro de la IV-a Jarcento de Rio de Janeiro

ALIĜU TUJ AL NIA 19-a BRAZILA KONGRESO!

...ZILA ...ANTISTO

...O-MARTO 1965 — N.º 610-612

...O DE RIO

*Carlos Lacerda*

kunportis, por ke la lando pasu de

kolonio al regno, kaj la historio de lia filo, romaneska kavaliro aventurema, belmaniera, kiu faris el reĝolando imperion. Historio de la havenoj kiuj ĉi tie malfermiĝis por la mondo; de la bibliotekoj ĉi tie instalitaj; de teknikoj importitaj, pri artoj kaj profesioj, por la arkitekto kaj la lignajisto; por la pejzaĝisto kaj la forĝisto; por la bakalaŭro kaj la frandajistino. Ĝi estas la urbo de la Imperiestra Moŝto Petro II-a monarko-respublikano, kiu, en la Kolegio, kiu havis lian nomon, kutimis ĉeesti konkursojn kaj ekzamenojn. Rio de Brazil-infano, tute entenebla en la nova urbo, per granda penado akirita je malsekaj grundoj.

Rio de la gravurajoj kaj de la vojaĝantoj, Rio de klopodoj de sklavoj el alia mondo, kun iliaj ritoj kaj ritmoj, kaj la nigrekolora beleco de la raso, kiu miksiĝis kun la blankkolora beleco de la raso de aliaj regionoj kaj kun la tamojoj konfederitaj, kiuj aŭskultis en Iperoig la Evangelion de Anchieta, kaj ĉe la marĉejoj la firman, ordonan voĉon de pastro Manoel da Nobrega: "ĉi tiu lando estas nia entrepreno"..

Ĝi estas Rio, reorganizita, liberigita de epidemioj kaj ektranĉita per larĝaj avenuoj, la optimista Rio en la komenco de ĉi tiu jarcento, urbeto je stratetoj trabatitaj per piočoj,

# Kroniko de Rio

Brazila Esperantisto - 610-612 de januaro - marto 1965

Carlos Lacerda

Rio kompletigas kvar jarcentojn de ekzistado en ĉi tiu jaro ĵus komenciĝinta. Kvarcentjaroj, dum kiuj la homoj perlaboradis firme kaj obstinege, ĝis la venko. Komence, Rio estis nur vala marĉejo, ĉirkaŭ premita inter montaroj, kies kapricaj akvaj fluetoj enfluis en tiun vastegan golfon, kiun oni nomis Guanabara. Poste, Guanabara fariĝis ankaŭ la nomo de nia ŝtato, sekve de la transformiĝo de la eksĉefurbo Rio de Janeiro en la plej nova Brazila ŝtato.

Kvarcentjaroj de batalo de homoj kontraŭ la naturo, konkerante teron el la marĉo, teron el la maro, teron eĉ mem al la blokoj d a rokoj.

La urboplanismo de Rio, ekde la unua starigita fortikaĵo, estas la historio de revoj kaj ambicioj de la homoj, de ilia malkvieta senĉesa fantazio.

Oni vidis, en la profilo de la montaroj, iun aspekton de giganto kuŝanta, kaj miljarajn enskribaĵojn sur la granita dorso de la urbo. Sed giganto estas la popolo, kiu konstruis la urbon, kaj ĝia mesaĝo estas enskribita sur la frunto de ĝiaj infanoj.

Rio luktis kontraŭ la invadantoj, defendis Brazilon, ĝiajn riĉaĵojn, ĝian integrecon, ĝian unuecon.

La historio de la urbo Rio de Janeiro estas la historio de Lia Reĝa Moŝto Johano VI-a, de tiuj, kiujn li kunportis, por ke la lando pasu de kolonio al regno, kaj la historio de lia filo, romaneska kavaliro aventurema, belmaniera, kiu faris el reĝolando imperion. Historio de la havenoj kiuj ĉi tie malfermiĝis por la mondo; de la bibliotekoj ĉi tie instalitaj; de teknikoj importitaj, pri artoj kaj profesioj, por la arkitekto kaj la lignaĵisto; por la pejzaĝisto kaj la forĝisto; por la bakalaŭro kaj la frandaĵistino . Ĝi estas la urbo de la Imperiestra Moŝto Petro II-a monarko-respublikano, kiu, en la Kolegio, kiu havis lian nomon, kutimis ĉeesti konkursojn kaj ekzamenojn. Rio de Brazil-infano, tute entenebla en la nova urbo, per granda penado akirita je malsekaj grundoj.

R io de la g ravuraĵoj kaj de la vojaĝantoj, Rio de klopodoj de sklavoj el alia mondo, kun iliaj ritoj kaj ritmoj, kaj la nigrekolora beleco de la raso, kiu miksiĝis kun la blankkolora beleco de la raso de aliaj regionoj kaj kun la tamojoj konfederitaj, kiuj aŭskultis en Iperoig la Evangelion de Anchieta, kaj ĉe la marĉejoj la firman, ordonan voĉon de pastro Manoel da Nobrega: "ĉi tiu lando estas nia entrepreno ". .

Ĝi estas Rio, reorganizita, liberigita de epidemioj kaj ektranĉita per larĝaj avenuoj, la optimista Rio en la komenco de ĉi tiu jarcento, urbeto je stratetoj trabatitaj per pioĉoj, kiuj detruis montojn kaj estigis avenuojn, konstruis domojn, sekigis marĉojn kaj kanalizis multe da sennomaj riveretoj. Urbo menciita inter la pioniroj de kloakoj kaj gaslumigo.

Urbo el kie Maua komencis la unuan brazilan fervojon kaj kie la nigra inĝeniero Rebouças dancis en la imperia palaco kun la princino Isabel, okaze de la abolicio de la sklaveco.

Rio de debatoj kaj aspiroj, de debatoj de la Imperio al renkontbatoj de la Respubliko: kaj la marŝalo, kiu ĝin proklamis, tiam pensis, ke li agis nur por devigi la Ministraron eksiĝi.

Rio de Rui Barbosa, la urbo, kiu bone akceptis la Bahi-provincanon kaj lin internaciigis.

Rio, lernejo pri Brazilo, estas gaja, kantas kaj ridas. Pro tio, multaj pensis, ke ĝi estas frivola kaj mallogika. Nekorektebla detruanto de statoj kaj reputacioj. Klaĉema ĝi estis rigardata, kaj eĉ kiel senenergian oni intencis prezenti ĝin. Kiel mallaborema ĝi estis konsiderata dum tiu tuta tempo. Futbalama kaj karnavalema, ĉar ĝi ŝatas karnavalon kaj futbalon, sed tiu ŝato ne estas krima.

Se ami la vivon estus krimo, Rio ne meritus pardonon . Sed ĝi ne estas tia. Nur antaŭ nelonge oni ekkomprenis, kaj precipe profunde sentis, ke la dua industria centro de Brazilo, la malplej granda ŝtato, kiu por ĉiu loĝanto plej

kontribuas al Brazilo per strandoj kaj fabrikoj, havas sambojn kaj ambiciojn, nacian emon kaj tutmondan sperton.

Oni nomis ĝin ekumena urbo, ĉar ĝi estas vere interfratiĝa, alfrontas ian ajn danĝeron, scias kion ĝi volas kaj kiel agi.

Stefan Zweig diris, ke Rio estas inseksa urbo, kun malfermitaj brakoj. Ĉiuj, kiuj aŭdis ĝin kanti, scias tion, konas ĝian ĉarmon, magion, ravon, ensorĉon, koketecon. Sed ne ĉiuj ankoraŭ vidis ĝin vigle penige laborante. Mi, kiu konas ĝian suferadon, ĝian neregeblan kuraĝon, ĝian ŝajnan pavadon, sed sinceran humilecon, ĝian senceremonian kritikon, la korecon de ĝia ĉirkaŭpreno, la teruran forton de ĝia ironio, la komunikeblan ĝojon de ĝiaj esperoj, mi scias, ke ĉi tiu kvarcentjara urbo estas juneca urbo, posedanta heroecon kaj altruismo, urbo inda je Brazilo, por ĝia servado konstruita, kaj kiu Difavore ĝisvivas.

Ĝi estas urbo, kiu per dekreto subite ŝtatiĝis, sed ne posedis kondiĉojn por sin mem direkti; urbo, kies problemoj estis oficiale proklamitaj kiel nesolveblaj, kaj ŝajnis kondamnita al ia gaja malestiĝo. Ĝi ne perdis sian ĝojigan kapablon, kaj tute sin fordonis al la laboraĵo kaj komencis rekonstrui faritaĵojn, kiuj valoras ankoraŭ plie pro tio, kion ili signifas ol pro tio, kion ili vidigas. Ĉio, kion oni faras nun en Rio, havas la sencon de revigliĝo de la spirito, de kreado de la inteligenteco, de realigo de la homa klopodo, de la valoro de homoj, de la kapableco de la brazilano antaŭ fiksi sian propran destinon kaj fari grandan Nacion, same kiel li estis kapabla fari grandan urbon.

Rio, faritaĵo de amo kaj lukto, venko de la homo kiu perlaboris firme kaj obstinege ĝis venki, en sia kvarcentjaro konfirmas sian fidelecon al la nacia emo, al sia misio transatlantika, al sia nova vidado de la mondo, al sia optimista interpretado de Brazilo, kiu estos farita same kiel Rio, konkero de la homo al la naturo, korpa batalo de la homo kontraŭ la ŝtono de rutino kaj la maro de nekomprenemo, la marĉoj de insido kaj la valoj de forgeso.

Rio, de la perfektaj gravuraĵoj kaj de la scendekoraciaj fotografaĵoj kolorigitaj, multon montras, sed ne tuton. Estas necese vidi ĝin, por ĝin kompreni; kaj ĝin kompreni estas ami ĝin, ami la popolon de la domaĉaroj, de la antaŭ urboj, de la plaĝoj, de la ĉielskrapuloj. Dinamismo mem, inklino al laboro, estas havi la kuraĝon por eliri ĉiu matene el la hejmo kaj eniri en oficejon, studejon, kontoron, post kiam oni trapasis tentantajn lazuran maron kaj blankajn sablejojn , rezisti al invito de la naturo kaj iri por anstataŭigi ĝin per ilaroj, nombroj, gramatiko kaj ferbetono, malsupreniri la tordajn deklivojn kun trankvila animo kaj la okuloj ankoraŭ plenaj de revoj el la domaĉoj, rifuĝoj de internlandanoj, kiuj envenis en Rion por trovi laboron kaj lokon por eduki siajn idojn.

Rio, de la maljustaĵoj kaj nekompreno, eĉ ĝi, eĉ Rio nuba, peniga, estas plaĉa, se ni sukcesos rompa la karapacon per kiu li ŝirmas sin kontraŭ la forgeso kaj sendankecoj. Rio estas kvazaŭ la tradicia masonisto Valdemaro, kiu konstruas domojn por aliaj, sed ne havas mem loĝlokon. Rio, urbo-ŝtato, urbo, sed la dua ŝtato de la Federacio, Rio, sen orgojlo, sen malŝato, invitas ĉiujn veni vidi ĝin. Sed tiuj, kiuj ne povos, kaj eĉ tiuj, kiuj ne volos veni, konservu kie ajn ili estas, aman penson, imagaĵon pri ĝi.

Rio salutas ĉiujn ĉe estantajn kaj forestantajn, de Santa Cruz ĝis Leblon, de Oiapoc ĝis Xui.

Impresas min la avenuoj, la kloakaj galerioj, lernejoj, viaduktoj, sole ĉar ĉio ĉi signifas la konkretan efektivigon de revo, la pruvon evidentan, realan , ke revo ne estas nur fantazio, sed ankaŭ antaŭ vido pri la realaĵo, kiun nur la revuloj kapablas konstrui; nur la ekscitiĝemuloj kapablas ami, nur tiuj, kiuj scias ridi, povas plori, nur tiuj, kiuj luktas por siaj ideoj, realigas, nur tiuj, kiuj rezistas, progresas.

Rio naskiĝis je ideo. Tiu ideo estis la unueco de Brazilo. Alia ideo nun inspiras ĝin: impulsi interkonsente la ŝanĝiĝon de Brazilo je vera demokratio, progresema, justa. Ĝi estas la tasko por la unuaj jaroj de la kvinajarcento. Konceme nian partoprenon, ni agos per sambo, futbalo, plaĝoj, laborado, espero kaj amo.

" Ĉar Brazilo estas nia entrepreno".

# Nova Sukceso en Brazilo

Brazila Esperantisto - 610-612 de januaro - marto 1965

## ENKONDUKO DE ESPERANTO EN MEZAJN LERNEJOJN DE RIO DE JANEIRO



La Leĝodona Asembleo de ŝtato Guanabara aprobis kaj ĝia Prezidanto publikigis la Leĝon N-ro 588, de la 14-a de Oktobro 1964, kiu kreis la instruadon de Esperanto en la mezgradaj lernejoj de Rio de Janeiro, farotan laŭ elekta maniero en antaŭ lasta klaso de la gimnazia, kolegia. Kaj profesia cikloj.



Deputito José Bonifácio

Laŭ la artikolo 2-a de tiu leĝo la nomado de la instruistoj de Esperanto fariĝos per konkurso, kiel ordonas laŝtata Konstitucio.

T iu grava atingo estas aparte ŝuldita al S-ro Deputito D-ro José Bonifácio Diniz de Andrada, kiu prezentis la projekton al la Asembleo kun konvinka pravigo. La Deputito kiu estas posteulo de la fama Jose Bonifácio, la Patriarko de la Sendependeco de Brazilo, estas granda amiko de nia afero kaj sendube plu helpos nian aferon. Li ankaŭ proponis subvencion al Brazila Esperanto-Ligo por subteni la aperigon de la 2-a eldono de la vastampleksa vortaro Portugala-Esperanta, verkita de Couto Fernandes, Carlos Domingues kaj Porto Carreiro Neto.

La aprobo de la rimarkinda leĝo, kiu estas signifo plena paŝo por la progreso de Esperanto, vekis kompreneble fortan intereson precipe ĉe la instruistaro, kaj oni atendas de ĝi bonajn konsekvencojn.

La adreso de Deputito Jose Bonifacio por esperebla j gratuloj kaj dankoj estas — Assembleia Legislativa — Rio de Janeiro, Brazilo.

Ni transkribas el la oficiala organo la tekston de la Leĝo:

*LEI 588 — de 14 de outubro de 1964*

*Institui o ensino do Esperanto nas escolas de grau médio do Estado, nas condições que menciona.*

*O Presidente da Assembleia Legislativa do Estado da Guanabara, nos termos do artigo II, § 3 ° , da Constituição do Estado, promulga a lei n.° 588, de 14 de outubro de 1964, oriunda do Projeto de Lei n.° 385, de 1963, que, vetado totalmente, foi mantido pela Assembleia Legislativa do Estado da Guanabara.*

*Art.1.° — Fica instituido o ensino do Esperanto nas escolas de grau médio do Estado, a ser ministrado, em carater optativo, na penŭltima série dos ciclos ginasial, colegial e profissional.*

*Art.2.° — O provimento dos cargos de Professor da disciplina ora instituida far-se-a por concurso, como preceitua a Constituição Estadual.*



Remetente:
Liga Brasileira de Esperanto
SDS, Ed. Venâncio III - sala 303
70393-902 Brasília-DF

*Fechamento autorizado. Pode ser aberto pela ECT*

# Manifesto de Prago



























Manifesto de Praga*

Nós, membros do movimento internacional para a promoção do Esperanto, dirigimos este manifesto a todos os governos, a todas as organizações internacionais e a todos os homens de boa vontade, afirmando a nossa intenção em continuar a trabalhar, de forma empenhada, para a prossecução dos objetivos explanados neste documento, e convidamos todo e qualquer indivíduo ou organização a unir-se aos nossos esforços.
Apresentado, em 1887, como projeto de língua internacional, o Esperanto desenvolveu-se rapidamente, tornando-se um idioma pujante e expressivo, que funciona há mais de cem anos, unindo as pessoas e ajudando-as a transpor barreiras linguísticas e culturais. Com o passar do tempo, os objetivos dos esperantistas não perderam importância nem atualidade. É provável que nem a globalização desta ou daquela língua nacional, nem as novas tecnologias de comunicação, nem a adoção de novos métodos de ensino de línguas consigam garantir os princípios que passamos a expor, essenciais, a nosso ver, para a manutenção de uma ordem linguística justa e eficaz.

*Apresentado em 1996, no 81° Congresso Mundial de Esperanto.

Foldfolioj por la disvastigado de Esperanto kun 7 temoj kiuj esprimas klare la celojn de nia movado rilate al neceso de neŭtrala internacia lingvo.

25 foldfolioj = R$ 3,75

50 foldfolioj = R$ 7,00

100 foldfolioj = R$ 13,00

250 foldfolioj = R$ 30,00

500 foldfolioj = R$ 55,00

1000 foldfolioj = R$ 100,00

*Aĉetu ĝin per:*
**belabutiko.esperanto.org.br**

Telefono:+55 (61) 3226-1298
Retadreso: bel@esperanto.org.br
Hejmpaĝo: http://www.esperanto.org.br

Farita per: